Jaro 15 Februaro 1963 N-ro 1



LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Da Costakade 50, Utrecht, Nederlando

## FORPASIS NIA HONORA PREZIDANTO



En la frua mateno de la 28-a de januaro konsternis nin la telefona sciigo pri la subita morto de nia kara amiko

**WALIG STAPEL**

la honora prezidanto de I.F.E.F. en aĝo de 66 jaroj.

Nur malfacile la signifo de tiu malĝojiga fakto penetris en la cerbon de ni, kiuj dum jaroj en kompleta harmonio kaj en fidela amikeco kunlaboris kun li por la bono de nia fervojista movado. Ĉiam bonhumora kaj bonintenca, lia sindono al nia afero havigis al li multajn bonajn amikojn en — kaj ekster la vicoj de nia membraro. Kun ni ili funebros pro la forpaso de plej kara amiko, kiu per siaj entuziasmaj kongresparoladoj stimulis multajn kolegojn al aktiveco kaj persisto.
Ni, kiuj konis lin ankaŭ en la familia vivo, komprenas ke lia forpaso estas terura bato por la edzino kaj la infanoj.
Ni esperas ke la bona harmonio en la familio iom post iom cikatrigos la vundon, kiun tranĉis la subita forpaso de la kara edzo kaj patro.

La IFEF-estraro




# LA 15-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-KONGRESO

en Stoke-on-Trent, inter la 11-a kaj 17-a de majo 1963

Bankkonto ML.12, C.W.S. Bank, Stoke-on-Trent

Korespondadreso: S-ro Horace Barks, 24 Marsstreet, Smallthorne, Stoke-on-Trent, Britio

Landa Kongresa Komitato:
prezidanto: Horace Barks
sekretario: R. W. Deakin
kasisto: T. C. Tasker

## 3-a KOMUNIKO

## ĜENERALAJ INFORMOJ

### Vojaĝbiletoj

Ĉiuj, kiu ne intencas iri pli norden, petu biletojn senpagajn al **Llandudno** laŭ Stoke-on-Trent. Stoke ne estas sur la rekta linio inter Londono kaj Llandudno. Al tiuj, kiuj intencas poste iri al Skotlando, ni konsilas peti biletojn al la pli norda celo, laŭ Stoke-on-Trent, kaj aĉeti kvaronprezan bileton de Stoke-on-Trent al Llandudno por la tuttaga ekskurso.

### Glumarkoj

Belaj kongresaj glumarkoj estas nun haveblaj ĉe Barks. Prezoj: 100 por 5 ŝilingoj, 50 por 2 ŝ kaj 6 pencoj, 25 por 1 ŝ kaj 6 p. Du esperantaj steloj egalas unu anglan ŝilingon (shilling). Angla mono: 12 pencoj egalas 1 funton sterlingan.

### Kongresstampo

La poŝtoficaj instancoj konsentas provizii stampilon kun kongresa simbolo, sed ni ne povas persvadi ilin eldoni specialan poŝtmarkon.

### Urba akcepto

Dum la urba akcepto (merkredon) antaŭ la internacia balo, la konsilanto regalos la kongresanaron, kaj tio anstataŭos la komunan vespermanĝon menciitan en la dua komuniko. Dum la balo, post montrado de dancoj de variaj landoj, oni esperas montri novan dancon de Esperantio. Fraŭlino Martyn Johns, kiu prizorgas la dancojn, nun klopodas elverki la novan dancon. Oni nun serĉas malnovan muzikaĵon nomitan „Esperanto". Ĉu iu IFEF-ano ion scias pri ĝi? Se jes, bonvolu informi Barks.

---

## KONGRESPROPONOJ

1. **De la IFEF-estraro:**
   La kotizo restu la sama.

2. **De SAEF (Svislando):**
   Sanĝi la artikolojn 8 ĝis 10 de la IFEF statuto Jene: Nova titolo: „Komitato kaj estraro" (anstataŭ „La estraro")
   **Art. 8.** La federacio estas gvidata de komitato, kiu reprezentas la landajn organizaĵojn laŭ ilia membronombro. Po 200 membrokotizoj, **pagitaj ĝis fino de la** administra jaro, rajtigas landan organizaĵon je 1 komitatano. Do, landaj organizoj ĝis 200 membroj rajtas je 1 komitatano, de 201-400 je 2 komitatanoj ktp.
   **Art. 9.** La kurantajn laborojn kaj decidojn de la komitato plenumas la estraro de IFEF. El sia mezo la komitato skribe elektas dum kongreso, por oficdaŭro de 2 jaroj, la estraron konsistantan el prezidanto, vicprezidanto, sekretario, kasisto kaj redaktoro aŭ asesoro. Se eble la estraranoj loĝu en la sama aŭ en najbaraj landoj. Por faciligi tian konsiston de la estraro, la komitato rajtas skribe elekti pliajn komitatanojn, gis ¼ de sia nombro.
   **Art. 10.** Ĉiuj decidoj en kongreso okazas nur pere de la komitatanoj. Per skriba legitimilo landa organizaĵo rajtas delegi anstataŭanto(j)n, kiu(j) havas la sama(j)n, rajtojn se komitatano ne povas partopreni kongreson. Komitatano aŭ anstataŭanto povas reprezenti plurajn komitatanojn, sed nur el sia landa organizaĵo, kaj nur por la koncerna kongreso.

   **Amendo de la IFEF-estraro:**
   La oficdaŭro de la estraro ne estu 2, sed 1 jaro.

3. **De SAEF** (Svislando) (kaze ke akceptiĝos supra statutŝanĝo):

Artikoloj en la statuto de IFEF, kiuj kontraŭas al la novaj art. 8 ĝis 10 estas deklaritaj malvalidaj dum maksimume 3 jaroj, t.d. ĝis plena revizio de la IFEF-statuto.

4. **De PFEF (Pollando):**
La nomo de nia organizajo estu ŝanĝita. La nomo „Internacia Federacio Esperantista Fervojista" ne bonsonas. Ni proponas novan nomon: „Internacia Fervojista Esperanto-Federacio".
La mallongigo „IFEF" restas la sama.

5. **De PFEF (Pollando):**
La IFEF-statuto estu sendata al ĉiuj landaj sekcioj (la Pola Sekcio ne posedas ĝis hodiaŭ la lastan statuton). La estraro de IFEF estu elektata laŭeble el membroj de la sama lando. Tamen en gravaj aferoj devas decidi ankaŭ la reprezentantoj de ĉiuj landaj sekcioj, do nepre devas esti starigata: Internacia Fervojista Esperanto-Komitato.
La IFEK estu reprezentata de komitatanoj el ĉiuj landaj sekcioj.

6. **De PFEF (Pollando):**
Ĉiu landa sekcio ellaboru propran historion de la ekesto kaj evoluo de sia landa fervojista E-movado. La preta materialo estu sendata al la IFEF-estraro, kiu eble povos ellabori kaj eldoni la „Historion de la IFEF-movado".

7. **De PFEF (Pollando):**
Pro ne-apero en la proksimaj jaroj de la plena fakvortaro, IFEF eldonu malgrandan praktikan vortaron de fervojaj terminoj.

---

## TAGORDOJ

**Laborkunsidoj**

1. Malfermo.
2. Salutleteroj kaj telegramoj.
3. Rimarkigoj pri la raporto de la 14-a en Budapeŝto.
4. Pritrakto de la jarraportoj.
   a) de la sekretario
   b) de la kasisto
   c) de la redaktoro
5. Konciza raportado de la gvidantoj de la fakaj kunvenoj.
   a) de la junulara kunveno
   b) de la redaktora kunveno
   c) de la fakprelega kunveno
   d) de la terminara kunveno
6. Pritrakto de la kongresproponoj.
7. Estrarelekto. Reelekteblaj estas la prezidanto, la sekretario kaj la kasisto. Eksiĝas la redaktoro kaj la 2-a sekretario. La IFEF-estraro kandidatigas por la redaktora funkcio kolegon D. Burgler el Amsterdamo. Por la vakaj lokoj ne anoncis sin kandidatoj.
8. Elekto de kaskontrola kaj konflikta komitatoj.
9. Elekto de la kongresloko en 1964 kaj la provizora en 1965.
   (El Belgio ni ricevis la sciigon ke BEFA invitos la kongreson en 1964)
10. Resumo de la kongresdecidoj.
11. Libera diskutado.
12. Fermo.

**Delegitara kunsido**

1. Malfermo.
2. Pritrakto de la proponoj pri konstantaj komitatanoj.
3. Diskutado pri la raportoj de la landaj asocioj.
4. Sugestoj pri la loko de la junulara grupo en nia movado.
5. Pri simpligo de la membroadministrado.
6. Libera diskutado.
7. Fermo.

**Redaktora kunveno**

1. Malfermo kaj raportado de la IFEF-redaktoro.
2. Rimarkigoj pri la redaktora raporto de la 14-a en Budapeŝto.
3. Interŝanĝo de spertoj de la landaj redaktoroj.
4. Libera diskutado.
5. Fermo.

La tagordoj de la terminara, fakprelega kaj junulara komitatoj estos publikigataj en la venonta „Internacia Fervojisto".

---

## RAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 1962

Jam en la lastaj tagoj de la jaro niaj pensoj reiras al la okazintaĵoj, kiujn ni travivis en la sama jaro. Doni klaran superrigardon pri la vivo en nia organizo en la jaro 1962 estas mia tasko, kiam ni eniras la novan jaron. Tiu ĉi estas la 15-a jarraporto kiu aperas depost la fondiĝo de nia IFEF; la 15-a, en kiu la ciferoj koncerne la membronombron entute montras malgrandan kreskadon. La pasinta jaro estis ne facila: ĝi alportis al nia fakmovado nur etan progreson pro manko de freŝaj fortoj. Tamen ĉiujare ekestis en nia fede-

racio la junulargrupo, kies provizora gvidanto, nia kolego d-ro Imre Ferency jam aktive laboras. Jes, la fondiĝo de tiu grupo okazis dum nia 14-a kongreso en Budapeŝto, en kiu urbo ni travivis tiun neforgeseblan tempon. Denove ni, esperantistoj vivis dum ok tagoj en la sfero de amikeco en la lando, famkonata pro ĝia afabla gastameco. Ĝi estis ĝis nun le plej granda internacia renkonto en nia movado: pli ol 1000 partoprenantoj! Ni memoras la bonvolan kunlaboron de la ministro de trafiko kaj poŝto Stefano Kossa, la grandan laboron de la LKK, la specialan poŝtmarkon, la bonan fakprelegon, la bone organizitajn ekskursojn, la bone prizorgitan kongreslibron, la solenan malfermon (sen tradukoj), la kulturan vesperon kaj la specialajn programerojn por la junularo.

En mia antaŭa jarraporto mi tuŝis la estrarproblemon. Ĝi ankoraŭ ekzistas ĉar en la najbara estonto du el niaj estraranoj eksiĝos, kiel jam estis anoncita en la lastokazinta kunsido en Budapeŝto. Ni tamen daŭrigu nian laboron por la bono de nia movado, kiu en la tempo de sia ekzistado rikoltis tiom multe da sukcesoj. Ni daŭrigu sur tiu vojo; iam venos la tago ke la plejmulto de la fervojistoj scipovas paroli nian lingvon kaj disvastiĝos nia idealo: Frateco kaj paco per bona interkompreno. Je tiu ĉi loko mi deziras ke nia federacio havu longan vivon, kion saman mi deziras al niaj membroj.

Bedaŭrinde ni perdis la pasintan jaron tri fidelajn amikojn. Ili estas Catarzi el Italio, Korbijn el Nederlando kaj Kovačic el Aŭstrio, kiu lasta estis dum pli ol 13 jaroj aktiva membro, kiu havis la simpation de multaj kolegoj. Respektplene ni memorigas iliajn meritojn por nia movado.

**La membronombro**

En la komenco mi jam menciis la modestan kreskon de la membronombro. Jam pli ol unu jaro ni staras kontraŭ la nombro 2500. Ŝajnas ke ni ne povas atingi la ŝtupon, kiu estas super tiu nombro. Gekolegoj, al vi la aktiveco kreskigi nian membraron super la 2500! Ĉisube vi trovos la komparojn. Fine de la jaro 1961 la nombro estis 2439, kaj nun, ĉe la fino de la jaro 1962 ĝi estas 2457. Nur 18 membrojn pli. La membronombro en la diversaj sekcioj estas jena (parenteze la nombroj de la jaro 1961).

| | | |
|---|---|---|
| Aŭstralio | 15 | (15) |
| Aŭstrio | 224 | (226) |
| Belgio | 37 | (26) |
| Britio | 48 | (35) |
| Bulgario | 100 | (100) |
| Danlando | 100 | (100) |
| Finlando | 50 | (57) |
| Francio | 304 | (303) |
| Germanio | 626 | (626) |
| Hispanio | 159 | (159) |
| Hungario | 104 | (103) |
| Italio | 98 | (89) |
| Jugoslavio | 96 | (105) |
| Nederlando | 130 | (134) |
| Norvegio | 56 | (54) |
| Pollando | 25 | (25) |
| Svedio | 158 | (158) |
| Svisio | 106 | (106) |
| Izolaj membroj | 21 | (22) |

La nombro da sekcioj restis la sama. El ĉi tiu listeto vi povas vidi ke relative nia venonta kongreslando Britio kreskis plej bone. Ankaŭ menciinde estas la kresko de la belga kaj itala sekcioj. Plue ni vidas kreskon en Svedio kaj Norvegio. Bedaŭrinde ni perdis kelkajn anojn en Jugoslavio, Finnlando kaj Nederlando. Kvankam la progreso ne estis tiel malgranda kiel en 1961, ni tamen ne sukcesis atingi la nombron de 2500 membroj. Ĉu vi ĉiuj povos zorgi per viaj aktivecoj, ke IFEF en la nuna jaro enskribos la 2500-an membron? Tio povus esti impona donaco al nia IFEF dum la 15-a kongreso en Stoke-on-Trent.

**La rilatoj kaj administrado**

La rilatoj kun la aliaj esperantaj organizaĵoj estas bonaj, same kiel la kunlaboro inter la estraro kaj la landaj sekcioj. En Kopenhago danaj fervojistoj organizis fervojistan tagon dum la UEA-kongreso tie. En oktobro tri el niaj estraranoj vizitis Münster, kie okazis la GEFA-kongreso. Nia prezidanto vizitis kiel reprezentanto de la estraro la kongreson de la franca sekcio en Parizo. En la somersezono la prezidanto jam estis en Anglio por priparoli diversajn aferojn kun la diligente laboranta LKK pri nia estonta kongreso. Vi ĉiuj jam vidis la interesan foton en la decembra numero de nia organo, sur kiu foto ankaŭ estas videblaj la „Lord Mayor" (urbestro) kaj la sekretario de nia estonta kongresurbo Stoke-on-Trent.

En la pasinta jaro envenis la sekretariejon 307 korespondaĵoj kaj presaĵoj. La du sekretarioj forsendis entute 123 leterojn.

**La estraro**

Kvankam la estraro povis fari sian laboron laŭbezone, ĝi tamen en la estonto bezonos novajn fortojn. Laŭ la regularo la estraro konsistas el minimume kvin personoj, el kiuj en 1963 restos tri, ĉar la redaktoro kaj la 2-a sekretario eksiĝos el siaj funkcioj. Jam ni ofte priparolis la faman problemon. Konsiderante tion, mi ĉi tie ne volas vaste skribi pri tio. Pli volonte mi dankas ĉiujn, kiuj dum la pasinta jaro kunlaboris kun la estraro, kaj mi esperas, ke la bona kunlaborado estos daŭrigata en la nova jaro, por ke nia movado estonte estu pli granda kaj solida por konvinki ĉiun fervojiston pri la neceso de nia lingvo.

Ĝis la revido en Stoke-on-Trent!

La sekretario Johano Poptie

## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1962

| Enspezoj | | | Elspezoj | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Landaj kotizoj . . . | f 3706,71 | | Preskostoj LIF . . . | f 3310,63 | |
| Abonantoj, simpatiantoj | „ 100,49 | | Kliŝoj . . . . . . . | „ 154,08 | |
| Adoptitaj anoj . . . . | „ 41,57 | | Afrankkostoj LIF . . | „ 299,84 | |
| Izolaj membroj . . . . | „ 3,— | | | | f 3764,55 |
| | | f 3851,77 | Afrankkostoj estraro . . . . . . | | „ 80,17 |
| Subtenoj LIF/donacoj . . . . . | | „ 94,16 | Kontorbezonajoj . . . . . . . | | „ 57,39 |
| Restpago megafono . . . . . . | | „ 35,10 | Estrarkunvenoj . . . . . . . . | | „ 20,— |
| Gramofondiskoj (tombolo) . . . . | | „ 103,55 | Telefonkostoj . . . . . . . . . | | „ 1,60 |
| Glumarkoj I.F.E.F. . . . . . . | | „ 26,20 | Bankkostoj . . . . . . . . . | | „ 1,75 |
| Rentumo 1961 . . . . . . . . . | | „ 98,19 | Reprezentkostoj . . . . . . . . | | „ 77,85 |
| | | | Sendkostoj gramofondiskoj . . . . | | „ 2,80 |
| | | | Kotizo UEA/SAT . . . . . . . | | „ 30,— |
| | | | Nova kapitalo . . . | f 4407,03 | |
| | | | Malnova kapitalo . . . | „ 4234,17 | |
| | | | Surpluso 1962 . . . . . . . . . | | „ 172,86 |
| | | f 4208,97 | | | f 4208,97 |

## Bilanco de IFEF je la 31-a de decembro 1962

| | | |
|---|---|---|
| Kapitalo je 1-1-1962 . . . . . | f 4234,17 | |
| Surpluso 1962 . . . . . . . . | „ 172,86 | |
| Banko . . . . . . . . . . . . . . . | | f 4407,03 |
| Pagendaj kotizoj: | | |
| a) sekcioj . . . . . . . . . . | f 305,90 | |
| b) adoptitaj anoj . . . . . . | „ 20,— | |
| c) izolaj membroj . . . . . . | „ 37,— | |
| | | „ 362,90 |
| Skribmaŝinoj . . . . . . . . . . . . . | | „ 1,— |
| Glumarkoj . . . . . . . . . . . . . | | „ 28,37 |
| Aliaj havaĵoj (i.a. gramofondiskoj) . . . . | | „ 105,50 |
| | | f 4904,80 |

## Budĝeto pri la jaro 1963

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| Kasenhavo . . . . . . . . . | f 4407,03 | Preskostoj LIF . . . . . . . . | f 3600,— |
| Kotizoj . . . . . . . . . . . | „ 3700,— | Afrankkostoj LIF . . . . . . . | „ 290,— |
| Donacoj LIF . . . . . . . . . | „ 100,— | Estrarkunvenoj . . . . . . . . | „ 20,— |
| Vendotaj glumarkoj . . . . . | „ 10,— | Administraciaj kostoj . . . . . . | „ 120,— |
| Abonantoj/simpatiantoj . . . . . | „ 80,— | Kotizo UEA/SAT . . . . . . . | „ 30,— |
| Izolaj membroj . . . . . . . . | „ 18,— | Diversaĵoj . . . . . . . . . . | „ 250,— |
| Pagendaj kotizoj . . . . . . . | „ 362,90 | Kapitalo . . . . . . . . . . | „ 4407,03 |
| Rentumo 1962 . . . . . . . . | „ 90,— | Surpluso . . . . . . . . . | „ 50,90 |
| | f 8767,93 | | f 8767,93 |

La kasisto E. R. Oosterwijk

Je la 10-a de januaro 1963 la kaskontrola komitato kontrolis la kason kaj la librojn de la IFEF-kasisto. Ĝi trovis ĉion en bona ordo.

la komitatanoj:

A. C. Moermans

W. L. van Leeuwen

## NI MEMORAS 

La 27-an de januaro mortis en Amsterdamo en la aĝo de 76 jaroj nia fidela membro kaj malnova esperanto-pioniro

**Maarten Demmenie**

Li estis iama sekretario de IFETT, la antaŭmilita internacio de la trafik- kaj transportlaboristaj esperantistoj, kaj kunfondinto de UNFEG, la fervojista esperantista grupo en Amsterdam, el kiu post la milito naskiĝis FERN, la landa sekcio de IFEF.

Forpasis homo, kiu kun sia edzino multon faris por disvastigi Esperanton en la vicojn de la fervojistoj. Pro tio kaj pro lia gaja humoro li restos longe en nia memoro.

Sinceran kondolencon ni esprimas al liaj familianoj, kiuj perdis en li amatan edzon kaj patron.

La IFEF-estraro

## JARRAPORTO DE LA REDAKTORO

En la jaro 1962 ni eldonis sep numerojn de „La Internacia Fervojisto", inter kiuj unu duobla numero kun dudek paĝoj.

La tuta jareldono konsistas el 80 paĝoj, kio estas 8 pli ol en la jaro 1961. Kvankam nia organo eldoniĝas alternmonate, mi aperigis ĝin dum la unuaj kvar monatoj de 1962 ĉiumonate, por ke la LKK en Hungario havu plenan okazon informi la partoprenontojn pri la kongresaranĝoj.

La enhavo de nia bulteno dependas de la kontribuajoj de niaj membroj, kiujn verkaĵojn mi, se necese kaj dezirinde, kompletigas per tradukaĵoj el aliaj organoj. Pro tio mi sukcesis ĉiufoje eldoni sufiĉe legindan bultenon. Tute kontenta mi tamen ne estas, ĉar mankas originalaj verkaĵoj. Mi scias ke oni bezonas ioman talenton por verki ion, sed mi scias ankaŭ ke tiuj talentuloj ekzistas en nia federacio. Pro mia funkcio mi ricevas regule la organojn de la landaj sekcioj, kaj en preskaŭ ĉiuj mi trovis originalajn artikolojn. Ankaŭ la propagandaj artikoloj en la naciaj fervojaj organoj, inter kiuj i.a. Germanio okupas elstaran lokon, atestas pri la kapableco de niaj membroj. Se tiuj gekolegoj nur unu- aŭ dufoje jare verkus ion por nia LIF...!

Kiel mi jam diris en mia raporto en la junia/aŭgusta numero de nia organo, la redaktora kunveno ne funkciis kontentige. La kaŭzo de tio estas unualoke manko de tempo. Sufiĉas 1½ aŭ 2 horoj, sed nur kiam ni komencas ĝustatempe.

Ĉetere ŝajnas al mi ke ni neglektas la veran taskon de la redaktora komitato, kiu estas: „Interŝanĝo de spertoj en la redaktado de la landaj gazetoj". En la komenco ni efektive tion faris, sed jam baldaŭ, eble miakulpe, ĉar mi menciis tiun punkton sur la tagordo, ni pritraktis nur la redaktadon kaj aspekton de „La Internacia Fervojisto".

Estis mia celo supraje priparoli la kongresproponojn koncerne nian organon, sed ne, ke ni voĉdonu pri ili, kiel kelkaj delegitoj deziris. Voĉdoni pri kongresproponoj rajtas nur la kongreso; la komitatoj havas nur konsilan taskon.

La nomo Redaktora Komitato cetere ne taŭgas. Nur Redaktora Kunveno estas la ĝusta esprimo, ĉar la landaj redaktoroj nek respondecas, nek kunlaboras en la pretigado de LIF.

H. Hoen

---

## LABORAS NIA JUNULARO

La hungaraj gekolegoj kun ĝojo akceptis la planon de nia IFEF-prezidanto K. G. de Jong okaze de lia antaŭkongresa vizito en Budapeŝto, ke la 14-a Kongreso havu programerojn ankaŭ por la partoprenantaj gejunuloj. Estas necese, ke ili vidu kaj spertu, ke la kongreso apartenas iomete ankaŭ al ili. La kaŭzo de la plano estis la ĝojiga fakto, ke de jaro al jaro aperas ĉiam pli kaj pli da gejunuloj en niaj kongresoj internaciaj. La malnovaj batalantoj de nia IFEF-movado multe ĝojas al tiu ĉi fenomeno, ĉar ili bone scias, kiu havas junularon, tiu havas estontecon. El la gejunuloj fariĝos pli poste la

estontaj fidelaj anoj, la daŭrigantoj de nia agado, la postaj gvidantoj ktp., kiujn ni devas zorge alkutimigi kaj eduki por la estonta rolo. La Loka Kongresa Komitato de nia 14- volonte akceptis la planon kaj por efektivigi ĝin, ĝi starigis la Junularan Fakon de la Hungara IFEF-Sekcio. Tiu junulara fako havis la taskon zorgi, ke la gejunuloj havu siajn proprajn programerojn dum la kongreso. De tiam pasis jam kelkaj monataj kaj oni povas kun ĝojo konstati, ke la ideo kaj la aranĝoj estis bonaj, ĉar la dissemitaj grajnoj jam ĝermas en pluraj landoj. Tiuj gejunuloj, kiuj partoprenis en la junularaj aranĝoj de nia 14-a Kongreso, entuziasmiĝis kaj komprenis sian taskon kaj la altan celon, kiu atendas ilin inter ni. Hejmenveninte ili ekagis kaj iom post iom fondiĝas fervojistaj junularaj grupoj unu post la alia jam en kelkaj landoj. Pri tio ni povis legi en LIF kaj en kelkaj fervojistaj Esperanto-revuoj.
La bonan kaj rezultohavan komencon devas sekvi same bona daŭrigo. Oni volonte akceptas ĉie la fervojistajn gejunulojn, kiuj venas al nia movado, sed tio ne sufiĉas. La malnovuloj devas helpi ilin, ebligi al ili la perfektiĝon en la lingvokono, doni al ili taskojn, diversajn Esperantajn laborojn, por ke ili vidu, ke nia movado bezonas ilin kaj oni fidas al ili. Do, *la unua plej urĝa paŝo* ĉe ĉiu landa IFEF-Sekcio estas, ke la nun partoprenantaj gejunuloj ricevu helpon kaj taskojn, kaj tio, ke la etaj junularaj kadroj, grupetoj ĉie fortiĝu, precipe ili perfektiĝu en la Internacia Lingvo. Tio estas nepre necesa, ĉar nur spertaj kaj kapablaj gejunuloj povos fari la pliajn paŝojn, povos pritrakti siajn labor- kaj amuzprogramojn en landa kaj internacia kadro, por ke IFEF havu fortan kaj entuziasme agantan Junularan Fakon.
Mi petas la landajn sekciojn, ke ili bonvolu informi la redakcion de LIF pri siaj planoj, laboro, atingitaj sukcesoj, eventualaj iniciatoj junularaj. La samon mi petas sendi ankaŭ je la adreso de „Hungara Fervojista Mondo", por ke mi povu utiligi ilin en la plua organiza laboro. Jen la adreso: Hungara Fervojista Mondo, Budapest VI, Népköztársaság-utja 73-75, Hungarujo.

D-ro Emeriko Ferenczy
junulara gvidanto de IFEF

---

## BRITAJ ETŜPURAJ FERVOJOJ

# LUDILOJ POR PLENKRESKULOJ

Anglujo, la naskiĝlando de la Fervojo, kie homoj kiel James Watt, Richard Trevithick kaj Stephenson kontribuis al la disvolviĝo de la „vaporĉevalo", estas lando plena je tradicioj. Nenie en la mondo tiom da homoj ekscitiĝas kiam oni atakas „iliajn" trajnojn kaj „iliajn" lokomotivojn, kiom en tiu ĉi lando. Kiam ekzemple oni aŭdas pri la plano ĉesigi la funkciadon de iu neprofitdona kaj malmoderna fervojlinio, tiam publiko kaj gazetaro aktiviĝas, kaj en mallonga tempo alvenas tiom da mono kaj libervoluloj, ke la linio povas resti, kaj ofte eĉ denove floradas. Tiu ĉi, ni nomo ĝin, entuziasma konservemo, havas kiel konsekvencon, ke en Anglujo estas ankoraŭ multaj etŝpuraj fervojoj, kiuj alte tenas la romantikon de la vaportrajno en nia atomepoko.



„Preservation Society" — iu organizo celanta konservi certan fervojlinion — estas starigita en 1950, kiam pro la morto de la posedanto Sir Hayden Jones, la „Talyllyn Railway" en Mez-Wales minacis likvidiĝi. Pro la penado de la rapide starigita Unuiĝo, la fervojo estis savata. La Talyllyn Railway, kies larĝo estas pl.m. 70 cm malfermiĝis en 1865. Du el la vaporlokomotivoj kiuj tiam funkciis: la „Dolgoch" kaj la „Talyllyn" estas ankoraŭ uzataj, same kiel kvar pasaĝervagonoj el la unua tempo. La 10 km-longa linio de tiu fervojo kuŝas inter Towyn ĉe la marbordo kaj Abergynolwn, en regiono plena je naturriĉajoj. La sukceso kun la Talyllyn Railway montriĝis bona stimulo por la konservado de aliaj etŝpurfervojoj.
Ankaŭ „Ratty", kiel la popolo nomas la „Ravenglass and Eskdale Railway" devis malaperi. Tutlanda agado, organizita de la

*La „Owain Glyndwr" survoje de Aberystwyth al Devil's Bridge. La trajno apartenas al la „Vale of Rheidon Railway".*

„Ravenglass and Eskdale Railway Preservation Society", liveris 12 mil funtojn kaj la senkostan laborforton de la necesaj libervoluloj, kio sufiĉis por savi la fervojon. Sur la pli ol 10 km-longa linio de Ravenglass tra la eksdale-valo al Delegarth veturas en la vintromonatoj nur limigita nombro da trajnoj. Dum la somero la trafikado estas pli vigla, ĉar tiam multaj turistoj kaptas la okazon fari per tiu eta trajno interesan veturon laŭlonge de la okcidenta flanko de la Lago-distrikto.
Unu el la plej malnovaj etŝpurfervojoj en la mondo — kun larĝo malpli ol 60 cm — estas la „Festiniog Railway". Post pli ol 100-jara funkciado la fervojo fermiĝis en 1956. Laŭorigine la 20 km-longa linio estis destinata por la transporto de ardezo el la fosajoj en Blaenau Festiniog al la havenurbo Portmadoc. En 1865 tamen jam la unuaj pasaĝeroj estis transportataj, kaj dum preskaŭ jarcento veturo per tiu trajneto tra la belega Festiniog-valo estis unu el la plej allogaj por la homoj, kiuj en Nord-Wales pasigis sian ferion.
Ne-longe tamen daŭris tiu senfunkcia periodo. La linio estis mallongigata proksimume 10 km, tiel ke la trajnoj nun iras de Portmadoc al Tan-y-Bwlch, kie la staciestro, aŭ pli ĝuste, staciestrino, deĵoras folklore vestita! Interesaj estas la „simetriaj" ĝemellokomotivoj, kiuj estas jam 80-jaraĝaj, sed kiuj daŭre faras sian devon.
Por adorantoj de ĉarmaj etŝpurfervojoj Wales estas vera paradizo. Estas tie, interalie, eta dentradfervojo kun vaporlokomotivo, kiu jam ekde 1896 veturigas turistojn al la pinto de la pli ol 1000 m-alta Snowdon. Ankaŭ estas ŝnurfervojo ĉe Llandudno kiu transportas ĉiujare milojn da homoj. Belega estas veturo per la „Vale of Rheidol Railway" de Aberystwyth apud la marbordo al la Devil's Bridge inter la montetoj de Cardiganshire. Tirataj de blovspirantaj lokomotivoj, portantaj belajn nomojn kiel „Prince of Wales", „Owain Glyndwr" kaj Llywelyn" la vagonareto serpentumas supren. La 20 km-longa veturado daŭras tutan horon, sed kiu ferias, ne urĝas.
Unikan lokon okupas „Bluebell Railway". Tiu ĉi 6 km-longa normalfervojo inter Sheffield Park kaj Horsted Keynes en Sussex antaŭ kelkaj jaroj estis fermita de la British Railway. Motivo: neprofitdona! Tion „oni" ne akceptis, kaj nova Preservation Society fondiĝis.
La rezulto? Nun pli ol iam antaŭe oni ferkventas la linion!

Apud la angla marbordo, inter Hythe kaj Dungeness, veturas la etŝpurtrajnoj de la „Romney, Hythe and Dymchuch Railway", fondita de Captain T. E. P. Howey. Tiu ĉi fervojo ne apartenas al la „maljunuloj", ĉar ĝi estas malfermita en 1927. Kiam en 1926 la unuaj kilometroj de la linio estis pretaj, unu el la trajnetoj foje havis reĝan maŝin-



*La lokomotivojn de la „Ravenglass and Eskdale Railway" oni povas transrigardi.*

*Ĉu ankaŭ vi ne ŝatus foje vojaĝi per la „Ravenglass and Eskdale Railway"? La trajno jam estas preta por foriri.*



iston, la Duke de York, la posta reĝo George la VI-a.
Sur ĉi tiu denstrafika linio veturas 10 lokomotivoj kaj pl.m. 60 vagonoj. La privata karaktero — almenaŭ laŭprincipe — de multaj anglaj etŝpurfervojoj, ankaŭ montriĝas el la linioj kiuj estiĝis sur privata tereno. „Juvelo" oni nomas la „Stapleford Miniature Railway" sur la bieno Stapleford Park de Lordo Gretton. La ĉeflinio kondukas de la sinjora domo al la lago en la parko. Flanklinio ligas la domon kun la enirejo ĉe la pordista loĝejo. Publiko rajtas eniri la grandbienon, do se vi venos iam en la regiono . . . !
Krom sur la brita „kontinento" oni ankaŭ sur la insulo Man povas veturi per miniaturtrajnoj kaj senti sin „Guliver".
Kiu deziras sperti la ĉarmon de historiaj trajnetoj kun viglaj lokomotivetoj povas en Anglio efektive plenĝui.
(Tradukita el la revuo *Nieuw Spoor* de la Nederlanda Fervojaro)

---

## EL LA SEKCIOJ

**Aŭstrio**

La linz-a esperanto-junularo invitis la esperantistaron al la ĉijara naskiĝfesto de nia majstro, okazinta la 13-an de decembro 1962 en la esperanto-klubhejmo de la fervojistoj. Ĝin partoprenis proks. 50 gesamideanoj — bedaŭrinde ne pli, eble pro la malbela vetero. La programo estis aranĝita de la junularo. La festparoladon faris nia sindona s-ano lern. kons. Jozef Mraz.
„La Espero" — per disko kaj kunkanto de la ĉeestantoj — enkadrigis la solenan feston. Poste sekvis poemoj, kantoj ktp. La gaja skeĉo „La Surdulino", kiu temas pri varbado por la naskiĝfesto de d-ro Zamenhof kun enhavo de multege da miskomprenoj, prezentita de gejunuloj Elfi Nimmervoll kaj Reinhold Gruber, rikoltis longdaŭran aplaŭdon. S-ano J. Geroldinger legis el la leteroj ricevitaj de Milda Jakubcová el Brno kun poemo; de d-ro Báckai el Budapest pri la disponigo de revuoj „Hungara Vivo" kiel kontribuo al la starigota Zamenhof-Monumento en Linz, nome de la Hungara IFEF-sekcio. En la programo ankoraŭ sekvis bonhumoraj rakontoj kaj gajaj raportoj. Ĉiuj gejunuloj (15-20 jaraĝaj), kiuj aktive kunlaboris al la festo, meritas sinceran dankon pro la bonegaj prezentaĵoj sub la mastrado de s-ano Geroldinger.

**Bulgario**

La bulgara IFEF-sekcio en Sofio, poŝtfako 386 je la nomo de P. Lilkov, petas al ĉiuj gekolegoj kiuj intencas partopreni la 48-an UEA-kongreson en Sofio de la 3-a ĝis la 11-a de aŭgusto ĉijare, tuj anonci sin al la supra adreso, por ke ĝi povu organizi fakkunsidon kaj ekskurson por niaj gekolegoj. Samtempe ni petas al ĉiuj sekcioj kiuj ne ricevas „Nuntempa Bulgario" tuj skribi al la bulgara sekcio.
Okaze de la nova jaro ni bondeziras ĉion bonan al ĉiuj membroj de IFEF.

**Italio**

Postlaboreja fervojista klubo en Bologne organizas ankaŭ ĉijare kurson pri Esperanto. La lecionoj okazas en la profesia lernejo de la Centra Stacidomo, dufoje po semajno. La kurso, tute senpaga, daŭros proksimume kvin monatojn, kaj povas ĝin partopreni la anoj de ĉi tiu postlaboreja klubo kaj iliaj gefamilianoj.
La ekzamenoj por atingi la unua- kaj duagradajn diplomojn, okazos en la monato majo, sub la zorgo de la katedro de la Itala Instituto de Esperanto.

---



## LA LEGANTOJ PAROLAS

**La turistoj ankaŭ servas**

Ĉu mi rajtas partopreni la diskutadon pri la „turistoj"? Mi opinias ke ne nur la membroj kiuj partoprenas la kunvenojn, sed ankaŭ la turistoj helpas la movadon. Mi ŝatas kunvenojn, precipe se mi povas voĉdoni. Eĉ parolrajto sen voĉdonrajto ne plene kontentigas. Sed ne ĉiuj ŝatas kunsidi kaj aŭskulti, kaj mi ne estas certa ke ili helpas kiam ili tion faras.
Kial oni havas kunvenojn? Sendube por antaŭenigi Esperanton! Ĉu aferoj pli rapidas ĉar multe da rigardantoj aŭ aŭskultantoj sidas flanke en la ĉambroj? Plej eble ne, se ili ne povas voĉdoni. Per parolo en la laborkunsidoj eble ili povus ion kontribui, sed pli eble ili malhelpus se ili nur ripetus la argumentojn de la delegitoj.
Sed la „turistoj" helpas kiam ili travagadas

la urbon kaj distrikton, ĉar tre valora estas ke la kongresurbanoj povas vidi kiel Esperanto ebligas ke personoj devenantaj de multaj landoj povas intermiksiĝi kaj ĝui. Se ili havus malfacilajojn en butikoj, restoracioj ktp pri la enlanda lingvo, eĉ tio montrus la bezonon de internacia lingvo. Sed ne krokodilu, neniam permesu ke la enlandanoj aŭdu alian lingvon ol Esperanton uzata de esperantistoj. Certe oni bezonas turistojn, delegitojn, ĉiujn ajn en la solenaj aferoj, kaj en aliaj aferoj kie oni deziras ke la publiko vidas nian forton, sed la Administracio neniam demandas ĉu la nedelegitoj ankaŭ ĉeestis kiam oni akceptis la proponon pri esperanto-klarigoj en la horaroj. Iel ajn, mi fidas ke ne. Sed tre grave estas ke ĉiu membro faras la eblon pri ĭu ajn tasko kiun donus al li aŭ ŝi la estraro ĉu landa, ĉu internacia. Kaj mi petas la „turistojn" intermiksiĝu, kaj ne timu amikiĝi kun novaj amikoj. Sed se la organizanto de la XV-a faros kiel li promesis (aŭ ĉu estis minaco?) kaj kieleble intermiksigos la kongresanojn en la hoteloj ktp, tiamaniere malhelponte krokodilismon, tio estos preskaŭ samvalora por la movado kiel havi dudek personojn petontajn la permeson paroli en la laborkunsidoj. Sed notu bone, oragnizanto, ne edzon kaj edzinon dividigu!

Nodulo

---

# NEDERLANDO IAM HAVOS LA PLEJ SEKURAN TRAFIKON EN EŬROPO

**La aŭtomata gvidado**

Per la enkonduko de la t.n. aŭtomata bloksistemo la Nederlandaj Fervojoj metis la bazon por serio de teknikaj ebloj sur la tereno koncernanta la sekurigon de la trakoj, kies sukceso kundukos finfine al plenaŭtomata funkciigado de la trajnoj sen interveno de maŝinisto. La fervojoj krome povos jam baldaŭ utiligi tiun bloksistemon por la kontinu-aŭtomata trafikado, kies disvolvado jam konsiderinde progresas. Ne nur oni faris provojn sur la trako Amersfoort-Hilversum, sed inĝenieroj de la fervojo kaj la Nederlanda Signal-Industrio en Hago ankaŭ pretigis sistemon, kiu ebligas ke maŝinisto ne povas ne halti antaŭ danĝersignalo.

Kontraŭe al sistemoj uzataj i.a. ĉe la franca kaj germana fervojoj, la sistemo de aŭtomata trajngvidado, pri kiu nun eksperimentas la Nederlandaj Fervojoj, bazas sur principo kiu garantias la plej grandan sekurecon, kaj kiu ankaŭ funkcias okaze de signalperturbo.

La direktoro de la Nederlanda Signal-Industrio (N.S.I.) komunikis dum intervjuo flanke de A.N.P. (Ĝenerala Nederlanda Presoficejo), ke la Usona societo „General Railways Signal Company" pasintjara fondis la filinentreprenon N.S.I. Usono partoprenas en ĝi por 51 %, dum la aliaj 49 % estas en la manoj de „Nederland Standard Electric".

La N.S.I., kune kun la Ned. Fervojoj prilaboras la plej grandan projekton koncerne la aŭtomatan trajngvidadon, pro kiu plene profitas ankaŭ la nederlanda industrio.

Post la katastrofo ĉe Harmelen la demando pri aŭtomata trajngvidado aktualiĝis, despli ĉar oni imputas la kaŭzon de la akcidento al pasigo de danĝersignalo flanke de unu el ambaŭ fatalaj trajnoj.

Kelkloke en Eŭropo oni post 1920 aplikis rimedojn kiuj malebligas al maŝinisto neglekti ruĝan signalon.

En interparolo D-ro J. Kurze „Ministerialrat" de la Germanaj Fervojoj en Frankfurt, rakontis ke la sekurigsistemo en Germanio bazas sur la t.n. „induktoprincipo". Jam pli ol 8000 km de la trakaro estas nun aplikita per tiu sistemo, kaj tie dum la lastaj dek jaroj ne okazis akcidento. Kiam germana maŝinisto alproksimiĝas haltsignalon, magneto en la lokomotivo kontaktiĝas kun magneto en la relo, pro kio ekfunkcias la bremsaparato. Jam ĉe alproksimiĝo de antaŭsignalo aŭdiĝas fajfilego se la maŝinisto ne ĝustatempe malpliigis la rapidecon.

Tiu ĉi neakurateco krome estas registrata sur la rapidecbendo.

Se li, spite de tiu ĉi averto tamen volas pasigi la ruĝan lumon, tiam la bremsaparato aŭtomate ekfunkcias.

Kvankam oni ne disponas pri ekzaktaj ciferoj tiurilate, tamen ofte la aŭtomata bremsaparato malhelpis al maŝinisto pasigi la ruĝan lumon. Aliflanke ĉi tiu sistemo ne funkcias dum signalilperturbo, same kiel ĉe la Francaj Fervojoj, kie oni ankaŭ aplikas la t.n. intermitsistemon.

**Sendependa**

La aliaj avantaĝoj de la kontinusistemo, kiun intencas enkonduki la Ned. Fervojo, estas ke oni per enigo de elektra fluo, ĉie kie tio montriĝas necesa, povas averti la maŝiniston. Okaze de nefunkciado de la signaliloj, la trajno aŭtomate haltas. Fakte la maŝinisto do ne plu bezonas la vojsignalilojn. En Usono oni jam forigas tiujn signalilojn, kaj koncentrigas la avertadon nur sur la lokomotivo. Teknike kaj el ekspluatvidpunkto la kontinusistemo estas la plej sekura, sed konsiderinde pli multekosta ol sistemoj, kiujn la eŭropaj fervojoj ĝis nun aplikas.

Per la konduko de elektro fluo tra la reloj, kiu en certa ritmo estas interrompata, oni povas, per ŝanĝo de la kodo, montri al la maŝinisto diversajn signalbildojn. Tia sistemo

devas esti aplikata en sekcioj laŭlonge de la vojo. Kondiĉo por tio estas ke la trakaro estas instalita per bloksistemo, kaj rilate tion la Ned. Fervojoj progresis pli ol la ceteraj eŭropaj fervojoj.
La aŭtomata trajngvidado en Usono, kie pli ol 20.000 km havas aŭtomatan bloksistemon, ĉio funkcias bonege. Tie eĉ funkcias trajnoj sen maŝinisto, kvankam tio renkontis multe da kontraŭstaro flanke de la sindikataro. Iu usona fervoja societo ellaboras projekton por plen-aŭtomata trafikado de ŝarĝvagonaroj, kiu transportas ercon sur unutraka linio. Per la speciala kodaro, kiun oni aplikis en la kurenta ritmo, ĉi tiuj trajnoj veturas sen maŝinisto, atendas ĉe relŝanĝiloj, kaj eĉ aŭtomate ŝarĝ- kaj malŝarĝiĝas.

**Multaj malfacilaĵoj**

En Nederlando oni ne ankoraŭ atingis tiun ŝtupon, sed teknike eblas ke ankaŭ ĉi tie ŝarĝvagonaroj estas aŭtomate kondukataj. Kondiĉo por tio tamen estas ke ne troviĝu nesekurigitaj transirejoj en la linio. Estas multaj ebloj en la kontinusistemo, el kiu la minimumo estas la aŭtomata haltigo antaŭ ruĝa signalo, kaj la maksimumo la plen-aŭtomata funkciado, do sen maŝinisto. La Fervojoj ankoraŭ ne volas la maksimumon, sed deziras tamen transpasi la limon de la minimumo.
Tuj post kiam finiĝis la studoj, kaj tio verŝajne okazos ĉijare, la Fervojoj faros decidon, kaj pro tio ili estos la unuaj en la vico de la eŭropaj fervojoj, kiuj aplikas la plej modernan kaj sekuran sistemon por aŭtomata trajntrafikado.

(El la nederlanda ĵurnalo *De Telegraaf*)

## U.E.A.-KONGRESO EN BULGARIO

Por la partoprenontoj de la Universala Kongreso kiu okazos de la 3-a ĝis la 11-a de aŭgusto en Sofio, la Aŭstria Esperanto-Federacio aranĝos feriosemajnon unu semajnon antaŭ la komenciĝo de la kongreso, nome de la 28-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto.
Okazos diversaj ekskursoj, inter kiuj vizito al la Esperanto-Muzeo. Dum la ekskursoj tuttagaj kaj dum la gvidado tra Vieno oni prizorgos ankaŭ la manĝaĵojn por ĉiuj. La poste nomataj kotizoj enhavas ĉiujn biletojn por la vojaĝoj, ĉiujn enirbiletojn, la manĝaĵojn dum la supre menciitaj tagoj kaj la kongresaĵojn ricevontajn dum la akcepto.
Kotizoj:
Anoncoj ĝis 31-3-63: $ 15.5; ĝis 30-6: $ 19; post la 30-a de junio: $ 22.5. La kotizoj ne enhavas la prezojn por la tranoktejoj, sed oni volonte al vi prizorgos ilin. Indiku vian deziratan hotelklason, aŭ skribu ĉu vi preferas amasloĝejon. Adresu al: Organiza komitato de la antaŭkongresa feriosemajno 1963 en Vieno 15. Funfhausgasse 16.

## SKOTA ESPERANTO-KONGRESO

La Skota Esperanto-Federacio okazigos sian kongreson tuj post la IFEF-kongreso, nome de la 21-a ĝis la 24-a de majo 1963 en Glasgovo. Eblas ke kelkaj anoj de IFEF deziras viziti Skotlandon post la kongreso en Stoke-on-Trent, se jes, ili verŝajne deziras ĉeesti ankaŭ la S.E.R.-kongreson. Tiukaze oni skribu al la sekretariino de la Glasgova Esperanta Asocio f-ino Wilson, 114 Earlbank Avenue, Skotstown GLASGOVO W.L., Skotlando.



**NI GRATULAS**

La 15-an de decembro 1962 geedziĝis

**FRAŬLINO ERNA KROGH,**
iama redaktorino de DEFA, kaj

**KOLEGO H. HAUGE.**
sekretario de DEFA.

Ni tutkore gratulas la esperantistan paron.

La IFEF-estraro

## FERIOSEMAJNO EN NEDERLANDO

La 12-a ferio-semajno en „Leemkule" Hattem apud Zwolle okazos de la 14-a ĝis la 21-a de septembro. La lastan jaron anoncis sin pli ol 100 personoj, tial ni petas frue anonci vin, por faciligi la laboron de la organizantoj. Okazas ĉiutage ekskursoj, kaj dum la vesperoj ni havas belan muzikon, i.a. la plej bonan fanfara orkestro de Nederlando. La tuta prezo por la 21 manĝoj, la aŭtobus- kaj ŝipekskursoj kaj la muzik- kaj distrovesperoj estas nur 70 nederlandaj guldenoj.
Pliajn informojn donas: Thies M. Blaauw, Begoniastraat 2, Zwolle.

## FERIOSEMAJNO EN SVISLANDO

La kvara internacia feriosemajno okazis sur la bela Oberbalmberg, apud la t.n. „ambasadora urbo" Solothurn. Partoprenis 41 personoj el Aŭstrujo, Francujo, Germanujo, Svedujo kaj Svislando. Ĉiuj estis tre kontentaj pri tiu bela feria aranĝo. Venontjare ni denove okazigos tiun feriosemajnon de la 1-a ĝis la 7-a de septembro. Bonvolu nun jam noti tiun daton, por ke vi ĉiukaze povu partopreni. Vi certe neniam pentos tion. Ekde februaro petu detalan programon al: Esperanto-poŝtfako 417 AARAU, Svislando.

## ESPERANTO-KALENDARO POR 1963

**1 ĝis 7 aprilo:**
Paska Kultura Semajno en Kastelo Grésillon. Adreso: Esperantista Kulturdomo Chateau Grésillon, BAUGE M et L, Francio.

**11 ĝis 17 majo:**
IFEF-kongreso en Stoke-on-Trent.

**20 ĝis 26 julio:**
SAT-kongreso en Hamburgo. Adreso de la OKK: Hamburg-Gr. Flottbek, Im Hag 18.

**3 ĝis 10 aŭg.:**
UEA-kongreso en Sofio. Adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam 2, Nederlando.

**1 ĝis 7 sept.:**
Feriosemajno sur Oberbalmberg, Svislando. Adreso: Esperanto-poŝtfako 417 AARAU, Svislando.

**14 ĝis 21 sept.:**
Feriosemajno en „De Leemkule", Nederlando. Adreso: Thies M. Blaauw, Begoniastraat 2, Zwolle.

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando